3

Reveninte en Parizon, Kolombo ricevis la honormedalon de la legio krom la subkondiĉe dzirataj afeorj kaj ekkriis jene:

— De nun mi zorgeme gardos mian sanon. Mi ne volas malsaniĝi!

… Ili devis prokrasti la geedziĝan feston du semajnojn, ĉar Kolombo grave malsaniĝis je gripo. La unuan fojon li estis malsana, de kiam li foriris el Parizo! La morto atentigis lin ridetante, ke ĝi ne ŝatas la ŝercojn. Sed fine la organismo de Harrincourt venkis, li saniĝis kaj edziĝis al Magda Russel. Post la nuptofesto la malgranda familio loĝis kune en la malnova familia domo. Magda ricevis tiom da mono por la plano de Russel, ke ili povis bazigi ne nur la domon, sed ankaŭ ilian futuron.

Ofte vizitis ilin Latouret, la emerita subleŭtenanto, havanta batalemajn, bruliĝintajn lipharojn, kaj Hümér Troppauer, la poeto, kiu laŭtlegis siajn poemojn al la pacienca familio.

Harrincourt aĉetis kelkajn arpentojn da vinberejon proksime al Parizo, kie la enuigaj, elegantaj, aristokrataj konatoj ne vizitis ilin. Stranga societo kunvenis en la vinberejo, sufiĉe ofte. Ekzemple: graf-aspekta ekzekutisto, „majoro” Hlavaĉ, la maljuna Pilotte, Minkus, la kolosa Nadov, subleŭtenanto Latouret, serĝento Battista, kaj ĉiam, kiam li estis en Parizo: majoro Yves. Tiam la dommastro buŝharmonikis, lia edzino donis al ili bonkvalitan riĝan vinon chablis, kaj aŭskultante la zumantan muzikon de la „filharmoniano”, Yves ekkantis, kaj la aliaj daŭrigis, kiel ili iam marŝis en la mortiga, flava polvo de Saharo, „dum la malnovaj, belaj tempoj”:

„Le sac, ma foi, toujours au dos…”